# INTERNACIA

JARO IX, SOFIA — BULGARIO
APRILO-JUNIO 1965, № 2



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## AL PLI VIGLA KAJ JAŬPLANA DISVASTIGO DE ESPERANTO EN LA MONDO

Utile estas, ke lastatempe iuj Esperantaj gazetoj kaj ĵurnaloj aperigis materialojn pri la prospero de la Internacia Lingvo en la mondo. Interesaj estas tiudirekte la artikoloj de John Leslie „Nova Sinteno" en „The British Esperantist" (n-ro aprila 1965), de Roman Dobrzynski „Lacaj batalantoj" en „Pola Esperantisto" (n-ro 5—6, 1964), de Zdzislaw Czuba „Projekto pri progresigo de nia movado en la mondo" en „Pola Esperantjsto" (n-ro 2, 1965), la Cirkulera letero „Jaro de Internacia Kunlaborado" de prof. Ivo Lapenna, la propono de Tibor Sekelj pri tiu celo, la artikolo de N. F. Danovskij en „Internacia Ĵurnalisto" (n-ro 1, 1965) k. a.

Iuj aŭtoroj konstatas, ke ekzistas disproporcio en la disvastiĝo de Esperanto en Oriento, kie ĝi progresas, kaj en Okcidento, kie ĝi stagnas. Oni serĉas la kialojn pri tiu disproporcio, donas ideojn kiamaniere forigi ilin kaj plibonigi nian E. — laboron. Mag. Z. Czuba eĉ post siaj konkludoj en sia diskutartikolo proponas, ke 10 fortaj landaj organizaĵoj en Eŭropo subskribu kontrakton pri kunlaboro, menciante por tio 7 celojn.

La problemo pri la forigo de la disproporcio kaj pri la pliviglig̃o de nia por — kaj priesperanta laboro estas treege grava kaj vere estas necese pristudi ĝin el scienca kaj praktika vidpunktoj. Speciale tion povas kaj devas fari la Estraro kaj la Komitato de Universala Esperanto-Asocio. Fakto estas, ke iuj landaj Esperanto-organizaĵoj ne laboras aktive kaj laŭplane, ke iuj el ili eĉ maljuniĝas.

Por plibonigo de nia afero estus necese ankaŭ ke oni pristudu la organizan kaj la propagandan laboron de iuj landaj Esperanto-organizaĵoj, ekzemple en Bulgario, en Pollando, en Francio ka. Temas pri la metodoj de laboro, pri la praktika uzado de la Internacia Lingvo, pri la celoj de nia peresperanta laboro. Ni ne povas konsenti kun la konkludoj de R. Dobrzynski, ke„. . . en Oriento, izolita dum pluraj jaroj, ekzistas granda bezono de kontaktoj kun la cetera mondo kaj ke en Okcidento oni ne bezonas tion." Tio ne estas la plej grava, ĉar ekzemple en Bulgario, malgraŭ la malfavoraj kondiĉoj antaŭmilitaj, la Esperanto-movado progresis ankaŭ tiam.

Ne estas prava ankaŭ J. Leslie, dirante: „Kiam nunepoka homo ekinteresiĝos pri Esperanto, li ne demandas ĉu ĝi starigos tutmondan pacon. Li scivolasĉu li povas utiligi ĝin kiam li iras eksterlanden por kiu ajn celo. Se li gajnas la vivrimedojn en profesio, kiu havas internaciajn rilatojn, li volas scii ĉu Esperanto helpos al li, al sia entrepreno." Vere, ankaŭ tio interesas la homojn. Sed por kunlabori kun eksterlando ĉu ne estas necesa unuavice la paco? Kaj ĉu la homoj, kiuj ne veturas eksterlanden kaj ne laboras en tiaj entreprenejoj bezonantaj internaciajn ligojn, ĉu ili ne bezonas Esperanton?

Ne estas prava Leslie samtiel asertante ke „per konstanta kreskigo de poeziaĵoj kaj tradukoĵoj de preskaŭ tradiciaj, konvenciaj, literaturaj majstraĵoj stariĝos danĝero,... ke Esperanto fine restos ne kiel lingvo por ĉiuj praktikaj bezonoj de ĉiuj homoj, sed kiel specialaĵo por elito, same kiel evoluis la uzo de la Latina kaj la Greka lingvoj". Estas necesa ankaŭ la tradukado de gravaj literaturaj verkoj kaj des pli estas necesa la uzado de la lingvo por praktikaj homaj bezonoj, por plivastigo de ilia internacia kunlaborado. Ne hazarde la Universala Esperanto-Asocio subtenis la klopodon de UNESKO pri la kampanjo „Oriento kaj Okcidento" kaj la decidon de la Ĝenerala Asambleo de la Unuiĝintaj Nacioj kaj la proklamo de la jaro 1965 okaze de la 20-a datreveno de la fondiĝo de la UN, kiel „Jaro de Internacia Kunlaborado". Per tiuj siaj iniciatoj kaj agoj, per la ellaboritaj de ĝi planoj por laboro de la landaj asocioj kaj grupoj UEA jam praktike helpas por la planigo de nia poresperanta laboro, por la progreso de Esperanto.

Nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio subtenis tiujn kaj ĉiujn iniciatojn de UEA, helpas al ĝi. Por la decido de la problemo pri la plivastigo de Esperanto fordonas kaj devas fordoni siajn fortojn ankaŭ TEĴA laŭ siaj modestaj eblecoj. Sed la ĵurnalistoj estas granda forto en la nuna mondo kaj ilia devo estas pli serioze pridiskuti la metodojn de la Esperanta laboro kaj per aktiva praktika agado ili devas kontribui por la prospero de nia komuna Especanto-afero en la mondo.

**J. Tegol**

# EN LA MEZA ORIENTO
(VOJAĜNOTOJ)

Agrable estas vojaĝi ekseterlanden, ĉu ne? La eŭropan kontinenton kelkfoje mi traveturis. Tial kun ĝojo mi renkontis la eblecon surpaŝi alian kontinenton. Laŭ miaj intencoj, mi devis viziti ankaŭ iujn mezorientajn arabajn landojn. Sed ĉirkaŭ la landlimoj de Izraelo la atmosfero estas malpaca kaj iri el Izraelo al araba lando estas entute malpermesate.

## LA VOJAĜO

La decembra vetero estis bona, la ĉielo sennuba, la maro senonda. Tio ebligis al ni kvartagan agrablan vojaĝon, des pli, ke nia vaporŝipo „Georgi Dimitrov" preterpasis tre pitoreskajn marbordojn de Nigra, Marmara, Egea maroj kaj Mediteraneo, de la Bosforo, Konstantinoplo, la Dardaneloj, de la Anadola turka provinco kaj de multaj grekaj insuloj. Preskaŭ kvar horojn ni preterpasis la grangan malpacan insulon Kipro en Mediteraneo. Bedaŭrinde. ne tiel bone estis la vetero en la fino de marto j. k., kaj ne tiom agrabla la veturado returne al Bulgario.

## EN IZRAELO

La vaporŝipo eniris la havenon de la bela kaj pitoreska urbo Hajfa, surgrimpanta kaj okupanta jam preskaŭ la tutan apudmaran



*Sub la palmoj*



*La moderna parto de la antikva urbo Jerusalemo*

parton de la ne tiom alta biblia monto Karmel. Post la pasportaj kaj la doganformalaĵoj mi kaj mia edzino ekveturis per aŭtomobilo al Jafo — la unua urbo, kie ni restadis. Poste ni loĝis en Tel-Aviv kaj Haifa. Dum nia preskaŭ 100-taga restado mi sukcesis viziti plurajn kaj interesajn urbojn, vilaĝojn, historiajn kaj aliajn vidindaĵojn: la urbojn Ramat Gan, Bat Jam, Givatayim kaj aliajn apud Tel Aviv, la historiajn urbojn Jerusalemo, Nazareto, Akro, Tiberia, la novekonstruitajn Natania, Hadera, Aŝdot k. a.



*Oskar Berman*
komitatano de TEĴA

Plej interesaj por mi estis la historiaj urboj. En Jerusalemo mi vizitis la novan parton de la urbo kun la templo de Salomono kaj la tombo de lia patro reĝo David. La alia parto de Jerusalemo — la malnova — restas en la limoj de Jordanio — araba ŝtato. En Nazareto interesaj estis la subteraj ŝtongrotoj de la domo kaj la laborejo de Jozef-patro de Jesuo, la subpreĝeja kaverno, kie laŭ la mitologio la dia anĝelo aperis antaŭ Maria k. a. En ambaŭ tiuj urboj oni vendas diversajn „antikvaĵojn" kaj sanktaĵojn, relikvojn, talismanojn, ruze imititajn falsajn antikvajn objektojn, turistajn memoraĵojn k. a. Kaj ĉie oni rigardas al la monujo de la turisto.

Duontagon mi pasigis en Tiberia (Tveria) — urbo konstruita de la romianoj. Ĝi estas sur la suda bordo de la biblia lago Kineref, kiu situas 212 m sub la mara nivelo. Entute du trionaj de la valo de rivero Jordan — trapasanta Kinereton kaj enfluiĝanta en la Mortan maron — estas sub la marnivelo. La Morta Maro mem estas 392 m pli malalta ol la marnivelo. Post la ruinoj de la romia urbo Cesaria, mi vidis ankaŭ la antikvan urbeton Akro kun liaj citadeloj kaj fortaj muregoj, subteraj tuneloj, muzeo, karakteriza araba bazaro k. a. Oni diras, ke Akro estas la plej antikvakvin miljara urbo, konkerita sinsekve de egiptoj, grekoj, romioj, krucistoj, araboj, turkoj, anglojpopoloj, okupintaj dum diversaj epokoj Palestinon. En 1799 Napoleono sieĝis tiun ĉi urbon 60 tagojn kaj ne sukcesis konkeri ĝin.

La subtropika mediteranea klimato ebligas al la palmoj, la citrusaj, la oranĝaj kaj la olivarboj variigi kaj plibeligi la sablan, grandparte dezertan terenon de la lando.

## LA ESPERANTO-VIVO

Kvankam en Izraelon enmigris granda nombro da esperantistojhebreoj, eĉ iam aktivaj, la Esperanto-movado ankoraŭ estas malforta, pro diversaj objektivaj kaj subjektav j kaŭzoj.

La klubejo de Esperanto-Ligo en Izraelo estas en la centro de Tel Aviv, sur strato Kaliŝer 48. Tie ĉiudimance en la 8-a horo vespere renkontiĝas ĉirkaŭ 25 esperantistoj el Tel Aviv kaj la apudaj urbetoj. Laŭ speciala plano dum ĉiu kunveno oni prelegas pri diversaj temoj. Mi estis bonkore akceptita de la izraelaj esperantistoj. Kun multaj el ili ni renkontiĝis dum diversaj internaciaj kongresoj. Oni donis ankaŭ al mi eblecon prelegi en la Telaviva Esperanto-klubejo pri la Esperanto-movado en Bulgario. Kore mi kaj mia edzino — ankaŭ esperantino — estis gastigitaj en la domo de familio Jsaj kai Anna Dratwer-anta ı kelkaj jaroj Esperanto-aktivuloj en Pollando kaj nun gvidantoj de nia movado en Izraelo; en la domo de Bencion Danon — bulgara hebreo — en ĉeesto de s-ano Kamil Perlman. Agrablaj, neforgeseblaj horoj de gastado esperantista.

Kiel en Tel Aviv, tiel ankaŭ en Hajfa, mi renkontiĝis kun bulgaraj hebreoj-esperantistoj, nun aktivuloj en Izraelo. Kun kontento mi renkontiĝis en Hajfa kun la membroj de TEĴA — Oskar Berman — komitatano, vigla sindona maljunulo, Isak Mučnik kaj Sh. N.-Armony. Neforgesebla restos por mi la ekskurso, kiun ni faris kun mia amiko Israel Israeli — el Bulgario — elmigrinto, ĝis la apudhajfa vilaĝo Kfar Ata. Tie loĝas la malnova Espelanto-pioniro Leo Ringler, prezidanto de la Nordizraela Esperanto-grupo, kursgvidanto, propagandisto. Li kaj lia edzino akceptis nin gastame. Kontraŭ ilia malgranda ligna dometo estas ejo, en kiu la laborema maljunulo Ringler organizis bonegan Esperanto-ekspozicion, kian mi neniam vidis ĝis nun en tia




***Bildo reprezentanta parton de la Esperanto — ekspozicio en vilaĝo Kfar Ata***

loko. Ĉiuj kvar muroj, la tabloj kaj benkoj estas ornamitaj per belaspektaj poŝtkartoj ilustritaj, kovertoj, leteroj, fotografaĵoj kaj bildoj. Tie ĉi oni povas vidi preskaŭ ĉiujn aperantajn Esperanto-gazetojn kaj ĵurnalojn, ĉiujn eldonitajn librojn en Esperanto.

Kun bedaŭro ni forlasis tiun veran Esperanto-angulon kaj la loĝejon de la sindona esperantisto Ringler.



*Leo Ringler — la izraela Esperanto — pioniro, laboranta en Hajfa kaj Kfar Ata*

Ankoraŭ aliajn interesajn aferojn mi vidis en Izraelo: la elkreskantajn el la sabloj urbojn kaj vilaĝojn, la grandan transporttrafikon, la ruinigitajn arabajn urbojn kaj kvartalojn, la dinamikan „amerikan" manieron de vivo kaj laboro, kio ne tute plaĉas al mi, ktp.

Ni forlasis Izraelon ne sciante ĉu ankoraŭfoje ni vizitos ĝin. Ni adiaŭis tamen la izraelajn esperantistojn, estante certaj, ke ni multfoje renkontiĝos kun ili dum internaciaj Esperanto-manifestacioj.

**Iv. Esperov**

---

Antaŭnelonge aperis en eldono de „Stafeto" la poemaro „Sur la vivovojo" de Aleksandr Logvin, Moskva, USSR, membro de TEĴA. Jen kelkaj poemoj el ĉi-volumeto.



## AL LA AMIKOJ-KOSMONAŬTOJ A. NIKOLAEV KAJ P. POPOVIĈ

Estas floroj sur mia balkon'.
Bonodoras la nokt' de levkajo.
Staras mi sub ĉiela pladon'
dum kreiĝas plej bela stelvojo.
Ne, ne dormas la blua planed',
kvankam la Universo-trankvila.
Kaj alvenas al mi forta kred'
pri la novheroaĵo plej brila!
Tutan nokton-atend' sur balkon'! . . .
Distingiĝas surteraj lumetoj.
Pulsas vivo sub astra plafon',
flugas, flugas amikoj-raketoj. . .

Moskva, la nokton de la
14. VIII. 1962

## ALEKSANDR LOGVIN

### Kanto al la Lumo

Lumo de suno!
Mi levas la liron
por al vi elkanti
adoran admiron!
Dank' al vi ja lumas
ĉio sur Tero:
la eta lumilo,
la sola fajrero,
la hejma lampeto,
reklam' kolorpimpa,
minista lanterno
kaj fajro Olimpa.
Vi al ni rebrilas
en floro, en vino
kaj ankaŭ en kor'
de amata virino,
En ĉiu okulo,
en ĉiu juvelo,
en la ĉielarko,
de l'arto, de l'belo.
En larm' adiaŭa,
rideta saluto,
en luna argento
kaj en akvoguto.
Sunlumo! Karesu
la terajn estaĵojn,
ke ili, sen lumo,
ne stumblu mispaŝojn,
sed fine, libere
de funga minaco,
jam ili ektrovu
la vojon de l'paco.
Kaj venu ĉi kanto
el mia animo
al hom', kiel lumo,
el sunmalproksimo.

### EN LA KAMPO

En la rusa kampo vasta
min kortuŝis loko drasta:
ronda kav' post iu bombo. . .
Sola pino . . . Sola tombo. . .

## MIA KORO

Koro, koro!
Batis vi ribele
por la venko
de la sankta ver'!
Vivi kaj batali
estas bele,
se antaŭe lumas
la liber'.
Se ni povas helpi
al viktimo
de maljusta
kaj kruela sort' —
ni volonte riskas
malgraŭ timo,
bruste al mi ŝvelas
granda fort'.

Ĉu por mi la lukto
jam finita?
Ne!
Antaŭen flugu mia kor'!
Flugu plu
al celo difinita!
Viajn plendojn
ĵetu al memor'!
Scias mi,
ke vi suferis vundon,
ke vi devis
vivi en barakt'.
Tio for.
Komandu levi frunton
kaj ascendi
en freŝmarŝa takt'!

**Al. Logvin**

---

## ĜENERALA JARKUNVENO DE TEĴA NE OKAZOS

Ĉar neniu estrarano de TEĴA partoprenos la 50-an Universalan Kongreson de Esperanto en Tokio ĉi-jare, kaj neniu estrarano kaj komitatano ankoraŭ ne sciigis pri sia partopreno en la Eŭropa Esperanto -Konferenco 1965 en Vieno, la Ĝenerala jarkunveno de TEĴA ĉi-jare ne okazos. Ĝi okazos venontjare en Budapeŝto dum la 51-a Universala Kongreso de Esperanto.

Se iuj estraranoj, komitatanoj, reprezentantoj kaj membroj de TEĴA partoprenos la Universalan Kongreson en Tokio, aŭ la Eŭropan Esperanto-Konferencon en Vieno, ili estas petataj anonci sin al la prezidanto de TEĴA Olav Thormodsen aŭ al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto". La estraro donos al ili instrukciojn kie ili renkontiĝu kaj kiel ili agu en tiuj internaciaj Esperanto-manifetacioj. Krom tio la estraro komisios iujn el ili saluti la Kongreson kaj la Konferencon en la nomo de TEĴA.

**La estraro de TEĴA**

### DIPLOMA LABORO PRI LA ESPERANTISTA GAZETARO EN BULGARIO

Nia TEĴA-membro Dimo Trudoljubov (str. Strahil 19, Jambol, Bulgario) komencis labori sub la gvidado de prof. G. Borŝukov diploman laboron pri „La esperantista gazetaro en Bulgario", kiun li prezentos en la Sofia Ŝtata Universitato, katedro pri ĵurnalismo. La kolego Trudoljubov petas ĉiujn esperantistojn en Bulgario kaj alilande, kiuj scias pri aperintaj esperantistaj ĵurnaloj, revuoj, bultenoj ktp, tuj skribi al li kaj ankaŭ sendi al li la posedatajn esperantaĵojn, kiujn li resendos post la uzado.

La diploma laboro prezentos sciencan verkon, kiu verŝajne aperos en aparta libro.

## NOVA ĴURNALISTA RIPOZDOMO EN NUNGARIO SUR LA BORDO DE LAGO BALATON

Ĉe la bela bordo de la famekonata hungara lago Balaton komenciĝis la konstruado de nova internacia ĵurnalista ripozejo. Ek de majo jk. estas preta kaj eklaboras la unua konstruaĵo kun komfortaj ĉambraj, kinosalono, dancejo, biblioteko. Ĉirkaŭ la domo estas sportludejoj, parko kaj nemalproksimearbaro.

## DISTINGITA ĴURNALISTO

Okaze de la 60-jara ekzistado kaj aktiva kulturkleriga laboro de la Esperanto-societo „Vekiĝo" en urbo Kolarovgrad, Bulgario, kune kun la ŝtata distingigo de la Societo per ordeno „*Kiril kaj Metodij*" — unua grado, estas distingita ankaŭ nia kolego kaj membro de TEĴA, aktivulo de la societo Atanas Dimitrov Bojaĝiev, per ordeno „*Kiril kaj Metodij*" — tria grado.

## GASTO EL EKSTERLANDO

Nia kolego Ivan Ŝavkun el urbo Gorkij, USSR, en junio vizitis la redakcion de „Int. Ĵurnalisto" kaj havis agrablan konversacion kun la redaktoro Esperov.

Ivan Savkun somerumis en la Internacia ĵurnalista Domo ĉe la Nigra maro apud Varna.

### KOREKTO

La pasintjara jarkolekto de „I. J.", estas erare notita „Jaro VII", kaj devis esti „Jaro VIII". Ek de tiu ci n-ro 2 de „I. J" ni notas „Jaro IX" kiel estas vere.

## KRESKAS KAJ PLIBELIĜAS LA INTERNACIA SOMERUMEJO DE LA ĴURNALISTOJ APUD VARNA

En la fino de 1959 j. ĉe la ĉarma suna strando de Nigra maro malfermis siajn pordojn nova belega konstruaĵo. Ĝi estis la Internacia ĵurnalista domo, tiutempe la unua ripozdomo speciale por ĵurnalistoj kaj iliaj familianoj. Pasis jam ses jaroj kaj tiu ĉi hela, komforta, mirinda domo fariĝis vaste konata inter la ĵurnalistoj, publicistoj kaj verkistoj en dekoj da landoj de ĉiuj kontinentoj. Nur dum la pasinta 1964 jaro en la Internacia domo de la ĵurnalistoj feriis kaj ripozis en naŭ ŝanĝoperiodoj po 20 tagoj 1541 ĵurnalistoj kun siaj familianoj. Inter ili estis ankaŭ kolegoj el Ameriko, Aŭstralio, Afriko.

Sed tiu ĉi granda ripozdomo jam fariĝis nesufiĉa por kontentigi la kreskantajn strebojn de ĵurnalistoj el tuta mondo ripozi en ĝi. Por kontentigi ilin oni komencis konstruadon de nova 13-etaĝa domo apud la malnova. Ĉi akceptos samtempe 195 somerumantojn. Ĉirkaŭ la domo etendiĝos propra ĵurnalista parko kun baseno. De ĉiu fenestro malkovriĝos pitoreskaj vidindaĵoj al la ondiĝanta maro, al la proksimaj apudmaraj montetoj kun densaj arbaroj, al la vastega panoramo kun dekoj da modernaj hoteloj, restoracioj, amuzejoj.

Il. Slavĉev

Skizo de la domo: M. Sakâzova



## TRA LA GAZETARO

**Kantante tra Pollando** — 56-paĝa kaj **Kiel estiamata** — 65-paĝa libretoj. Oni povas ricevi ilin ĉe Pola Esperanto-Asocio (Warszawa, Nowy Swiat 27).

**Muzeo de Slovaka nacia revolucio** — 8-paĝa ilustrita prospekto, eldono de Esperanto-rondeto Grafia Jihlava, Ĉeĥoslovakio.

**Kultura aldono de Zpravy** (Informoj de Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato), 8-paĝa, literatura, ilustrita.

**XXXIII Fóiro de Barcelono**, granda murafiŝo belaspekta kaj negranda surkartona afiŝo pri la foiro kaj tiucele specialaj sigelmarkoj eldonis J. Dalmau Gambus, Barcelona.

**Historio de Bulgara Esperanto-Movado**, Kajero Unua — 16-paĝa broŝuro de Canko Murgin. Liverebla ĉe la aŭtoro, str. Iskâr 46, Bulgario, prezo 9 rpk. afrankite.

**Ni postulu tujan ĉesigon de la usona agreso kontraŭ D. R. Vjetnamio** — ilustrita broŝureto, eldono de revuo Vjetnamio.

**Primoŝten**, multkolora belaspekta prospekto pri la Esperanto — somerumejo en Jugoslavio. Eldonis Turističko društvo Primoŝten. Aldono — dupaĝa alvoko al la geesperantistoj en tutmondo viziti la somerumejon, subskribita de la Estraro de la Internacia Esperanto-Somerumejo en Primoŝten.

**Provinco Liego** — faldfolio ilustrita, eldono de Turista Federacio de la Liega Provinco, 33 Avenue Blonden, Liége, Belgio.

**Internacia Trafika Ekspozicio München** — plurkolora faldprospekto.

**Ĉinaj metiartaĵoj** — dek ilustraĵoj-poŝtkartoj. Eldono de Ĉina Esperanto-Ligo.

**Ĝaŭŝutun kaj Nannona** — 44-paĝa ilustrita popolfabelo, eldono de Ĉina Esperanto-Ligo.

## ŜTATA MAŜINKONSTRUA UZINO URBO TÂRGOVIŜTE, BULGARIO



La maŝinkonstrua uzino en urbo Târgoviŝte produktas maŝinojn por perlaboro de viando kaj preparo de pano:

1. Viandmuelilo modelo 100-A kun produktiveco 100 kg/horo.
2. Viandmuelilo modelo 112-A kun produktiveco 2 t/horo.
3. Vakuumŝprucigilo 158 A kun aŭtomata dozanta konstrukcio.
4. Diska segilo por kornoj kaj ostoj modelo 181-A.
5. Agregato por senĉesa knedado de pasto.
6. Pastoknodilo modelo TM-1.
7. Pastodividantilo por malgrandaj gramkvantoj.
8. Rezervaj maŝinpartoj.

## ŜTATA KONSERVAĴPREPARA KOMBINUMO „TODOR PETKOV" EN URBO KOLAROVGRAD-BULGARIO



Produktas ĉiujn specojn da legomaj kaj fruktaj konservaĵoj.

Ĝi havas komercajn rilatojn kun USSR, Germana Demokrata Respubliko, Germana Federacia Respubliko, Anglio, Francio k. a.




Speciale oni alte taksas kaj ŝatas la bongustajn altkvalitajn kaj vitaminriĉajn bulgarajn senŝeligitajn tomatojn.

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*